# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**




Oficiala internacia organo de „Internacio katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) kaj de „Blanka kruco" (internacia misio katolika)

Numero 7, 1924 | Graz, Aŭstria | Julio | IV. Kolekto Nº 5

# Esperanto kaj la Katolikaro

Giganta bildo etendiĝas antaŭ niaj spiritaj okuloj: la katolikaro esperantigita. Katolikaj fratoj el ĉiuj terpartoj, el ĉiuj landoj kaj racoj, el ĉiuj lingvoj kaj dialektoj, kunligitaj per unu sama kredo kaj komuniiĝo, interkompreniĝas en unu sama lingvo, preĝas kune en laŭtega ĥoro unusona: Patro nia!...

Giganta bildo. Sed bedaŭre nur ideala revo de kelkaj miloj da samideanoj, nur entuziasmiga idealo por fajraj batalantoj nuntempaj. La realeco estas tro dolora, tro kruela. Kompare al la 2—300 milionoj da baptitaj katolikoj la eble 3—4000 katolikaj Esperantistoj estas ridinde malmultnombra aro. Kaj kompare al la kuraĝaj laboroj, al la senfinaj oferoj, al la sudoplenaj klopodoj de la katolikaj pioniroj depost dudek jaroj, la fakta sukceso estas malgranda: 3 aŭ 4 mil da konvinkitaj samideanoj katolikaj, kaj tiuj disigitaj, malkapablaj eldoni unu grandan, vere imponan ilustritan, aktualan gazeton kiel inda reprezentilo...

Sed ne timu malgranda aro! Kiel la elektita popolo en la dezerto ni staras sur la „Monto de la promeso". Antaŭ niaj spiritaj okuloj evoluiĝas la „Sankta lando de la Plenumo": la katolikaro esperantigita. Eble ni ne plu indiĝas eniri. Eble sekvonta generacio vidos la realiĝon de niaj idealoj. Ni tamen humile danku al la Bona Ĉiela Patro, ke ni estas indigataj kiel simplaj servistoj labori por la spirita unueco de la katolika mondfrataro pere de komuna helplingvo Esperanto.

Multegaj amikoj eble miregas (ankaŭ senkuraĝiĝas), ĉar nia kara helplingvo, tiom facila, tiom ideala, tiom praktika ne tuj trovas la entuziasman aplaŭdon de la katolikaj estroj, pastroj kaj laikoj. Eo kaj la universala katolikismo ja havas multe da komunaj kontaktpunktoj: la interfratiĝa ideo, la interkomprenо inter la ŝtatoj kaj popoloj, la egalŝato de ĉiuj racoj ktp.

Fakte esenca fundamento de la kristanismo estas la „infaneco de Dio": ĉiuj homoj, ĉiuj kreduloj estas infanoj de unu Dia Patro Ĉiela. Kaj el ĉi tiu mistera infaneco elfluas laŭ la Sta. Paŭlo la universala frateco de la tuta kredantaro: ĉiuj Kristfideloj estas fratoj en Jesuo, la Savinto, enkarniĝinta por esti tutsimila al ni!

Kiom nature, ŝajnas, ke ĉi tiu mistera korpo fratara, universala ankaŭ parolus en unu universala helplingvo, preĝus per unusona preĝado! Kiom utila, kiom praktika en la modernaj tempoj de internacia vivo estus unu komuna helplingvo por la katolika doktrino, scienco, literaturo, sociala kaj eduka agadoj...

Vere mirindege ŝajnas, ke la katolikaro ne entusiasme akceptas Eon! Tamen se ni esploras la kaŭzojn, ni klarege ekvidos, ke gigantaj malfacilaĵoj sin turnas kontraŭ ni.

La katolika eklezio estas admirinda institucio kun dumiljara tradicio. Per la glora Roma pontifikato, — almenaŭ en la okcidenteŭropa eklezio kaj la per ĝi misiigitaj grandaj kolonioj — la **latina lingvo** esence enradikiĝis en la katolikaron. Fakte hodie ankoraŭ la latina lingvo povas esti legata (se ankaŭ rare parolata) per centmiloj da pastroj kaj kleraj laikoj, tiel ke latina lingvo per tiu ĉi fakto estas efika helplingvo katolika, kvankam pro malpraktikeco neofte uzata, krom la liturgiaj kaj pastraj preĝadoj. Kaj estas malkaŝa sekreto, ke hierarĥaj rondoj multe favoras la pli profundan studadon kaj pli modernan aplikadon de latino. Estus senutile silenti pri tiu fakto, kiu klarigas al ni, kial altrangaj ekleziaj rondoj kaj ankaŭ multe da laikaj estroj koncerne Esperanton aŭ alia helplingvo moderna estas aŭ „reservataj" aŭ malmulte subtenemaj.

Alia ĉefkaŭzo pli profunda: Eo postulas mondvastan pensadon, homaran mondaspekton, frataran sentemon. Unuvorte Eo postulas psikologan preparon, spiritan renoviĝon



## Demando kaj respondo*)

**de Leo Cassan**, trad. Wilh. Solzbacher.

Proksime al la tŝarmia en la ombro de moŝeo sidis Abul Daku, la saĝa derviŝo, kaj instruis. Plene de seriosa scivolemo liaj lernantoj ĉiam denove demandis lin, sed subite kelke da junaj nobelaj mallaboremuloj alproksimiĝis kaj komencis moki pri la maljunulo.

Abul Daku pacience silentis. Sed per tio eĉ pli impertinentiĝinte Omar ibn Gadban, unu el la aro, vokis: „Se vi estas tiom saĝa, ho patro de la barbo, respondu al mi la jenajn tri demandojn:

Unue, kial vi instruas, ke ekzistas Dio? Nek mi, nek vi, nek iu alia iam vidis lin; kaj kion mi ne vidas, tion mi ne bezonas kredi.

Due, kial vi akuzas la homon pro liaj malbonaj agoj? Se Dio lin kreis, li estas devigata agi, kiel li agas, kaj neninu rajtas kulpigi lin pro tio.

Kaj fine diru al mi: Kion vi parolas pri la turmentoj de la infero? Ĉu ni ne legas en la dekunua surato de la Korano, ke la diablo havas fajran korpon? Sed kiamaniere fajro povas dolorigi fajran korpon?

Sed Daku plu silentis. Moke Omar ripetis siajn demandojn. Nun la saĝulo sin klinis, prenis fortikan terpecon kaj ĵetis ĝin al la kapo de la mokinto, tiel ke la turbano ruliĝis en la sablon.

Omar ibn Gadban vekiĝinte el la doloro kaj konsterno iris al la kadi por akuzi la derviŝon kaj kaŭzigi al li severan punon. Sed la kadi estis justa kaj nesubaĉetebla kaj venigis al si ankaŭ Abul Daku-n.

Omar devis ekzakte rakonti la okazon kaj ĉiam denove plendis, kiom doloras lia kapo. Kiam li ĉesis paroli, Abul Daku ridetante karesis sian longan blankan barbon kaj diris al la kadi:

Ho, representanto de la ombro de Dio, li parolis, mi tute ne volis ofendi per tiu ĵeto la noblan Omar ibn Gadban aŭ kaŭzigi al li dolorojn. Nur pro lia urĝado kaj por fine ree esti sola kun miaj lernantoj, mi donis al li la respondon al liaj tri demandoj.

„Per la ĵeto?" mirigite demandis la kadi. „Jes", daŭrigis la saĝulo. „Kiel povas dolori la kapo al Omar? Ĉu vi vidas la doloron? Nek mi nek iu alia ĉu kaj kion mi ne vidas, tion mi ne bezonas kredi.

Kaj kial li akuzas min? Kiel mi agas, tiel mi estas devigata agi kaj neniu rajtas akuzi min pro tio.

Kaj fine: Ĉu Allah ne kreis nin el tero? Mi nur ĵetis terpecon al Omar. Ĉu tero povas dolorigi teron?"

„Omar ibn Gadban", diris la kadi, „vi pagos 50 ceĥinojn". „Vi, Abul Daku", li sin turnis al la derviŝo", vi senĝene foriru! Ho patro de la akrigitaj pensoj, eĉ pli longa fariĝu via barbo!"

*) Bedaŭre la tradukanto ne ensendis ĝustatempok lna manuskripton. Tial la daŭrigo de „Romano per se fadena telefono" sekvos en aŭgusta numero.

## Katolikoj kaj politikaj partioj en Ĉeĥoslovakio.

Kiam mi antaŭ nelonge priskribis al la legantaro de K. M. la historion de la ĉeĥa nacio, mi ĉiam atentigis je la religia influo. Tiu artikoleto estu daŭrigo. Mi ne apartenas al iu politika partio, tial la legantoj des pli bone havos senpartian bildon, skribita de katoliko.

La mondmilito trovis la katolikojn nepreparite. Ekzistis ja antaŭe kelkaj katolikaj frakcioj: la nacie-katolika (nuna ĉefepiskopo Kordač), la kristane-sociala (ministro Šrámek), katolikaj terkulturistoj (deputito Šámalik) estis la ĉefaj; sed la plimulto da katolikoj estis en la ceteraj socialaj kaj fakaj partioj. Ĉefkaŭzo de la politika seninfluo de tiuj katolikemaj partioj estis la troa fideleco al la „malnova reĝimo" de la grandimperiestra politiko, kaj tial la ĉeĥoj, plejparte ne sekvis ilin. Katolikaj intelegentuloj tiam ĉerpis sian spiritan vivon el verkoj eldonataj de J. Florian en Stará Říše (Moravio)*). Tie oni devas serĉi la fonton de la katolikismo. Ĉar la oferema Florian helpe de amikoj eldonis la eminentajn verkojn de Leo Bloy, E. Hello, kaj multajn aliajn: Siaj Nova kaj Vetera, Studium, Dobré Dilo, havis pli grandan influon al ĉeĥaj katolikoj ol tiuj sensignifaj partioj.

Mondmilito furiozis. Nacio suferis. Deputitoj militservis. El sonoriloj oni fabrikis

*) Pri tio baldaŭ aperos artikolo en K. M.

## Nova adreso

**por Internacio Katolika (Ika)**
**por Katolika Mondo (K. M.)**
**por Kongreso**
**por Ika-Eldonejo (IKE)**
nur
**Zug, Svislando**

**Ĉiuj demandoj, mendoj, enpagoj por Ika, Katolika Mondo kaj IKE esta nur sendataj al Ika, Zug, kie de nun troviĝas la administracio kaj redakcio.**

internan. Bedaŭre ĉi tiu „internacia“ pensado, ĉi tiu fratara sentemo, ĉi tiu mondvasta horizonto, ĉi tiu anima kondiĉo oftege mankas en katolikaj rondoj, venenataj per troa naciismo, okupataj per malgrandaj naciaj disputoj, distritaj per organizaj ĵaluzoj . . . **Nur la interna spirita renoviĝo de la animoj el la profundaĵoj de nia sankta religio povas krei solidan fundamenton por venka katolika Esperanto-movado . . .**

Ni ne bezonas mencii aliajn pli malgrandajn kaŭzojn, kiel la indiferenteco, la manko de iniciato, la abomeno kontraŭ novaĵoj ktp. Tiuj estas ĝeneralaj homaj malperfektaĵoj kaj malhelpas la katolikan movadon altgrade.

Do la malhelpaĵoj estas sufiĉe multaj kaj grandaj! Tamen necesas ilin venki! Tri iloj en tio ŝajnas precipe gravaj:

1e. Inda propagando: Precipe ni bezonas reprezentan grandan, aktualan, ilustritan gazeton, kiu al la katolikaj estroj montras, ke Eo ne estas nur sensignifa afero de kelkaj amatoroj, sed io „influa“, impona. La homoj juĝas laŭ eksteraĵoj.

2e. Inda literaturo, kaj pro tio finance forta, agadkapabla eldonejo.

3e. Praktika aplikado en la internacia vivo! Amikoj! Ni neniam gajnos la estrojn katolikajn, se ni ne sukcesas montri per praktika aplikado ĝian efikan utilon por la internacia vivo katolika.

4e. Eduka laboro por prepari la animojn al interna kompreno de Eo-ideo laŭ profunda religia vidpunkto.

En la du lastaj punktoj nia „Ika“ povas plenumi vere providencan taskon.

**Karaj amikoj! Nova periodo ekkomenciĝas por la Ika-movado. Pli kaj pli ekvekiĝas tutmonda konscienco katolika. Pli kaj pli ekleziaj eminentuloj kaj laikaj gvidantoj enkuraĝigas nian el multaj doloroj kaj suferoj naskiĝintan agadon internacian. Pli kaj pli agademuloj diverslandaj ekvidas la urĝan necesecon krei vere iniciateman movadon katolikan, kiu efike per agado kaj praktikaj institucioj kontraŭstaras la internaciajn asociajn, sekretaj aŭ malsekretaj, hodiaŭ spirite kaj materie regantaj preskaŭ la tutan homaron.**

**En ĉi tiu historia momento ni ĝoje memorigu la fakton, ke la katolika Esperantistaro estis forta fundamento de Ika-movado, ĝuste dum la plej malfacilaj unuaj jaroj! Tiuj meritoj restos eterne! Kaj la noblaj fruktoj de tiuj oferoj unutage riĉe refluos al la katolika Esperanto-movado.**

**Karaj amikoj! Ne mankis aŭ mankas tendencoj celantaj disigi la Esperantistaron kaj per tio la Eo-ideon el la ekfloranta Iká-movado, klopodoj malutilaj precipe por la katolika Eo-movado mem, kiu per tio perdus la vivan kontakton kun la granda internacia movado nuntempa kaj same la influon sur ĝi.**

**Ĉar Eo ja nur povas gajni tiom da influo en iu movado, kiom en ĝi agados Esperantistoj!**

**Ni do estas konvinkitaj, ke ĉiuj niaj amikoj restos entuziasme fidelaj al la noblanima agado kaj la universala programo de Ika frate kunlaborante kun ĉiuj samtendencaj klopodoj.**

**Kun Dio ni marŝu antaŭen, entuziasme kiel idealistoj, prudente kiel realistoj, kuraĝe kiel pioniroj de sankta granda tasko al la gloro de la Dia Regno.**

**Kasparo Mayr,**
**Ĉefsekretario de Ika, Zug, Svislando.**

**Ĉiu katolika Esperantisto aliĝu al Ika.**

# La katolika Politiko en Eŭropo*)

**La Svislando kiel modelo de nova Eŭropo.**

Ĉiu ŝtatano kutimas laŭdi sian patrolandon kaj ĝiajn instituciojn. Bone! Ĉar la ĝusta amo al la patrolando estas laŭdinda virto krista. Nur la troa naciismo moderna estas obomeninda herezo kaj la fonto de sennombraj suferoj, profitemoj, militoj, subpremoj, revolucioj.

Mi estas sviso, realisto ankaŭ en politikaj aferoj! Mi kunsentas je tio, ke la katolikoj nepre devas ankaŭ patropreni je la politika vivo, sed laŭ vere katolikaj principoj.

Ne estas hodiaŭ la okazo por detale priskribi la fundamentajn regulojn de katolika politiko. Ĉar multe da problemoj estas teorie ankoraŭ malklaraj.

Se Eŭropo volas resaniĝi, nepre estas necesa nova spirito; spirito kristana de amo, de frateco, de helpemo. Tio nur povas naskiĝi el profundaĵoj de la Krista religio.

Sed same necesaj estas, ke ni havu klarajn principojn, kiel devas realiĝi praktike la nova spirito. En tiu rilato la ŝtatkompreno de la svisa popolo estas modela por tuta Eŭropo en du punktoj.

1. La ŝtato nepre devas respekti la naciajn kaj lingvajn limojn. En Svislando la germana, franca kaj itala nacioj kaj lingvoj unuece kaj amike kune loĝas en unu sama ŝtato. Nek unu ŝtatestro aŭ ministro aŭ oficisto, ĉu oficiale, ĉu neoficiale, riskus preferi iun ajn lingvon aŭ nacion, aŭ subpremi la alian, la malplimulton.

Jen decida afero por multege da eŭropaj ŝtatoj, precipe la orienteŭropaj kun miksitaj loĝantaroj. Preskaŭ regule ni trovas, ke la lingva aŭ nacia plimulto subpremas la malplimulton por tiel krei „unuecan nacian ŝtaton“. Nu, montras la historio, ke tiucelaj **perfortaj klopodoj ĉiam havas kontraŭan rezulton**: la revolucion de la subpremataj. Simila problemo estas en Belgio, en Polio, Ĉeĥoslovakio, Rumanio, Jugoslavio, Italio ktp. Ĉiu subpremo tamen estas maljustaĵo kaj tial nekatolika.

Do devas esti unu fundamenta principo de politiko katolika en Eŭropo: **la ŝtato ne havas la rajton perforte aŭ perleĝe ŝanĝi la lingvajn kaj naciajn** limojn. Ĉiuj lingvaj kaj naciaj malplimultoj devas esti samrajtaj en ĉiu ŝtato laŭ la svisa modelo.

2. La transpaŝo de la ŝtatlimoj por perforte akiri fremdŝtatajn teritoriojn estas krimo malpermesata. Neniu svislandano estus preta transpaŝi kun armiloj la ŝtatlimojn por okupi permilite fremdajn landojn. Eĉ la alvoko al tiu agado en libroj aŭ gazetoj estus rifuzata unuvoĉe per la tuta loĝantaro. Aliflanke ĉiu svislandano estus preta **defendi** la patrolandon kontraŭ ĉiu fremdŝtata invado.

Kaj en preskaŭ ĉiuj aliaj ŝtatoj de Eŭropo oni ne laciĝas per plej ridindaj pretekstoj en gazetoj, libroj, lernejoj, paroladoj alvoki la popolojn al sentoj de malamo, de venĝo, de atako. Sub preteksto de „defendo“ oni ekipas gigantajn armeojn kaj ŝiparojn. La tuta oficiala edukado de la eŭropaj popoloj plejparte estas venenata per spirito de naciismo, de atako, de akiro, de venĝo . . . **Tamen laŭ katolika instruo unusole estas permesata la defendo de la patrolando.** La ŝtato ne havas la rajton perforte invadi fremdŝtatan teritorion.

Jen kio la Svislando povas instrui la katolikojn koncerne politikaj principoj.

Cetere estas mia opinio, ke ni katolikoj nepre devas kuraĝi diri la veron ankaŭ en politikaj aferoj. Ĝis nun ni estas tro timemaj kaj eĉ ne kuraĝas tuŝi la ĉefproblemojn, por eble ne ofendi tiun aŭ tiun ĉi nacion. — Mi dezirus, ke K. M. ĉesus per tiu timema metodo kaj permesus pli akran kritikon, pli kuraĝan traktadon de la aktualaj politikaj problemoj. Kuraĝu, Sinjoro Redaktoro!

Juna svisano.

*) **El la diversaj artikoloj alvenintaj, hodiaŭ estu publikigata du: unu pri la ĉeĥoslovaka partio katolika, kaj la ĵena pri la interesega temo.**

kanonojn. La gazetaro estis superŝutata de primilitaj artikoloj . . . Sole en preĝejoj estis trovebla la kvieto en ĉirkaŭpreno de Jesuo.

En fremdlando aperis la unuaj regimentoj de Sta Venceslav kaj slavaj apostoloj Cirilo kaj Metodo. La katolika tradicio gvidis la unuajn paŝojn de „Stvenceslaaj Kavaliroj“. Hejme katenligita nacio estis devigata silenti.

Alvenis la 28a septembro 1918. En unua parlamento unuafoje aperis katolika partio, kiu kunigis diversajn frakciojn, ĉar al katolikoj minacis internaj malamikoj. La elektita prezidanto apartenis al la „realista“ partio, kaj la plimulto de deputitoj sekvis lian doktrinon: la katolikoj havas tiom da rajtoj, kiom ili gajnos.

La devizo „for de Romo“ kaptis tiam kelkajn profitemulojn, subtenataj per kelkaj malbonaj pastroj, kiuj pastriĝis sole pro tio, ke ili manĝu kaj trinku. Unuafoje la liberigata nacio malsaniĝis. Krucoj faligitaj; eklezioj malsanktigitaj . . . La ĝis nun senpartiaj katolikoj venis en servon de politika partio, nomita „popola“. Batalo komencis. Denove aŭdis ĉeĥa lando du devizojn: Romo kaj Tàbor*). Ekonomia stato malboniĝis paŝo post paŝo. Kaj la nacio festis, ĝojadis, ĝuis, forgesante Dion. Sole la politiko floris. Politikaj kaŭzoj estis, ke el plimulto da lernejoj malaperis la Kruco, ke infanoj (14 jaraj) forlasis Bonan Paŝtiston, ke terenfalis la kolono de Sta Virgino en Praha . . .

Alvenis la voĉdonadoj de la jaro 1920. Popola partio (ĉeĥa kaj slovaka) gajnis en parlamento 33 membrojn, en Senato 18 (el 102 ĉeĥaj mandatoj). Malamikoj ekmiris. Ĉu ĉiuj penadoj malsukcesis? Ĉu la protestantaj sektoj kune kun Libera Penso malbone laboris en husita nacio? Ĉu vanaj estis la vortoj, ke Tàbor devis esti la programo?

Sed kie estis la ceteraj katolikoj? Ili voĉdonadis al aliaj partioj. Politiko plenigis la vivon. Eĉ katolikaj pastroj varbadis voĉojn. Jen nealprudenta paŝo. Oni devigas katolikojn doni la voĉon al partio, sin nomanta „katolika“, kun kies celoj ili eble ne simpatias. Tio estas danĝera, ĉar tro facile la amaso de la katolikoj opinias, ke ili, voĉdononinte por „katolika“ partio, plenumis tute siajn „katolikajn“ devojn. Tro facile sub preteksto de „katolikismo“ oni aprobas politikon, kiu tute ne konkordiĝas kun la katolikaj principoj.

La politiko neniigas la liberan pensadon de individuo, sole kolektiva pensado estas permesata. La kontraŭroma agitado gajnis milojn da adeptoj al la „popolmovado“. La centra organo „Lidové listy“ (popola gazeto) havas en kunlaborantaro ĉiujn katolikajn eminentulojn. La politika influo de la partio kreskas eĉ post eksiĝo de Slovakoj kaj en koalicia registaro la faktan decidon ne havas la ministroprezidanto Ŝvehla, sed Mgr. Ŝràmek. Sia popola partio estas la centro de la politikaj partioj . . .

Jes, la politika potenco mirinde kreskas. Ĉu ankaŭ la katolika konscienco? Neniu homa entrepreno estas perfekta. Ĉie oni trovas personprofitemulojn, kiuj dissŝiras eĉ plej bonan teksaĵon. Bedaŭre kun la kreskado de potenco, malaperas en la popola partio pli kaj pli la katolika spirito; ĉar la sur kristana fundamento konstruita partio, fariĝas pli kaj pli partio. Ĝi ne estas tutaĵo, sole parto. Tial multaj forlasis ĝin. Foriras tiuj, kiuj malamas parton kaj volas tutaĵon. Junaj katolikaj intelegentoj kolektiĝas ĉirkaŭ „Zivot“ (vivo) kaj „Rozmach“ (propero). Ili volas labori por katolika vivo, por la katolika vivo mem, kaj volas iri propran vojon. Ili ne estas malmultaj. Ĉiuj verkistoj katolikaj kies katolikismo ne estas sole laŭmoda, subtenas ilin. Junaj pastroj, ĉerpintaj novajn fortojn en Francio, estas ekzemploj. Junularo, kiu vidis la bonajn, sed ankaŭ la malbonajn influojn de „katolikaj“ partioj, ne multe ŝatas la nunan politikan vivon. — Eble en aliaj ŝtatoj, katolikaj partioj sukcesas, ĉe ni malprofitas la religio.

* * *

Jen vortoj de juna ĉeĥa katoliko. Lia pseudonimo ne estas kaŝilo. Al esperantistoj certe estas konata la aŭtoro. Al ceteraj redakcioj bonvole donos la tutan genealogion.

Bobe.

*) Tàbor estas la urbo de la husitoj, sekto simila en multaj punktoj al komunismo.

# El la forĝejo de la internacia framasonaro

(Daŭrigo.)

Plej grandan aktivecon la centra oficejo montras por realigi efikan interpaciĝon inter la francaj kaj germanaj loĝioj. En la jaro 1923 eĉ delegitaro de la grandloĝio de New York (Suidder, Kennworthy, Lang) vizitis por tiu ĉi celo Germanion kun bona rezulto. Kaj ŝendube nun, post oficiala eksiĝo ele 3 malnovaj prusaj loĝioj (22. majo 22), kie la ŝovinistaj tendencoj dominas, el la ligo de ĉiuj germanaj loĝioj la interamikiĝo estas sur bona vojo.

**La internacia ∴ara kongreso 1923.**

Sukcese oni daŭrigis la interligiĝajn laborojn dum la eksterordinara kongreso de Genevo, 27—30ª sept. 1923. Precipe oni agadis laŭ la devizo: per laboro al unueco! Rimarkinda estas certe la fakto, ke la grandoriento de Paris, iom kontraŭe al la oficiala registaro pasinta, energie agadis kontraŭ la ŝovinismo ĉiunacia (komparu la decidon de la jarkunveno de la gro ∴ franca, 22 sept. 1923). Certe per tio la framasonaro trovis la komunan bazon al kunlaborado, kiu al ni katolikoj ofte mankas ankoraŭ. Interesega estas la publika deklaracio, kiun la kongreso eligis laŭ propono de la franca gro ∴: „La asocio framasona internacia (AMI) . . . pritraktis objekton, kiu estas la plej esenca punkto de la programo de la loĝiaro, nome la restarigo de sincera, daŭra paco inter la nacioj, kaj la kultivado de bonvolaj interrilatoj reciprokaj inter la homoj.

Unuvoĉe decidis la kongreso: La kongreso kunigas siajn klopodojn (porpacajn) kun tiuj de la Ligo de la Nacioj. Do li rekonas la principon, ke ĉiu konflikto inter nacioj devas esti solvata per internacia arbitracia tribunalo. Ĝi kondamnas la staton de malsekureco, en kiu la mondo sin daŭre interdisputadas. Ĝi elvokas fine ĉiujn disciplojn de la tutmonda framasonaro, ke ili al la militema spirito kontraŭmetu la spiriton de la konkordo; ke ili klopodu, ke la internaciaj kontraktoj estu estimataj, kaj kunhelpu, por ke per harmonia kunlaborado de ĉiuj nacioj realiĝu pli bona sociostato, bazata sur pli granda morala respondeco kaj sociala solidareco."

Interesega estas ankoraŭ la fakto, ke nuntempe precipe en Suda Ameriko videble montriĝas plej viva agitado por la interligiĝa laboro, tiel ke baldaŭ la tuta sudamerikana framasonaro estos aliĝinta al la framasona Internacio!!

Kiel kuriozaĵon ni notu ankoraŭ jenon:

En Usono ekzistas momente 18 milionoj da katolikoj kaj ca. 2 300 000 framasonoj inter 110 milionoj da loĝantoj.

Inter la 96 membroj de la federacia senato nu troviĝas laŭ statistiko de framasona gazeto „Felowship Forum" entute 5 katolikoj kaj 61 framasonoj!! Inter la 434 membroj de la usona parlamento (reprezentantara domo) nur 30 katolikoj kaj 301 framasonoj!!

Plej interesa estus simila statistiko el ĉiuj statoj. Eble tiam ankaŭ inter la katolikoj troviĝus kelkaj, kiuj konvinkiĝus, ke la framasona problemo estas serioza, kaj aktuala, kiu meritas nian atenton! Kritiko kaj pli malpli malnobla atakemo ne utilas por solvi la gravan demandon, sed unusole la vasthorizonta agado, la profunda, celscia senkompromisa plenumo de la universala savordono de Jesu Kristo: Prediku la evangelion, la „ĝojigan sciigon" pri la Dia Patro kaj la savo el la pekkatenoj al ĉiu kreitaĵo t. e. trapenetrigu ĉiujn kreitaĵojn, ĉiujn aferojn per la viva Spirito de Dio.

Certe jam tiuj kelkaj linioj donas bildon (tre nesufiĉan!) pri la admirinda aktiveco, pri la vasthorizonta kaj celscia laboro de la loĝiaro. **Ni katolikoj ne estimu malgrave tiujn ĉi faktojn. Povas veni la tago, kiam al ni nur restus la doloriga konstato: Nun estas tro malfrue. Ni perdis la tempon per malgrandaĵoj!** E. S.

# La Internacia Kongreso translokigata de Venizo al Lugano.

**Msro. Bacciarini, episkopo de Lugano estas alta protektoro.**

Guste antaŭ eliro de ĉi numero ni ricevis jenan leteron de la loka komitato en Venizo. Pro la necesaj novaj aranĝoj, la eliro de la numero prokrastiĝis.

**Venizo, 16. Julio 1924.**

**Tre estimata Sinjoro Ĉefsekretario!**

**Ni rapidas komuniki al vi, ke pro kelkaj pripensoj pri la nunaj momentoj, Lia Kardinala Moŝto, la Patriarko, kiu tiom plezure estus vidinta la laborojn de la kongreso en Venizo, konsideras oportune, ke la dirita kongreso estu prokrastata al tempo, en kiu ĝi povu efike disvolviĝi en Venizo mem. Sed se estas urĝe okazigi ĝin, Li konsilus fari tion ĉi en urbo neitala.**

**Lia Kardinala Moŝto konfirmis al ni persone la vivan simpation, kun kiu li sekvas la aktivecon de la bonmeritinta Ligo, kaj la bedaŭron devi, je malgranda distanco de la kongreso, konsili la prokraston.**

**La bedaŭro de Lia Moŝto estas ankaŭ la nia.**

**Refarante al vi la esprimojn de nia kora frateco, mi petas, ke vi donu urĝe al ni viajn sciigojn.**

**m. p. Pizzi** sekretario **m. p. Serafino Aŭdisio** presidanto

Tute komprenante la nunan situacion internan en Italio ni rapidegis esprimi al Lia Kardinala moŝto la kompletan submetiĝon sub Lia konsilo. Ĉar ni juĝis ne oportune ŝanĝi la daton pro la raportistoj kaj kongresistoj jam aliĝintaj, ne petis Lian episkopan Moŝton, Msro Bacriarini, kiu ĝojege donis la permeson kaj akceptis bonvole la protektoraton de la kongreso de Lugano.

**Do la kongreso okazos la 15—20an de aŭgusto en Lugano. La programo kaj la listo de la raportistoj estas ne ŝanĝataj. La aliĝoj por Venizo valoras por Lugano. La prezoj en Lugano ne estas pli altaj ol en Venizo. Por konvena loĝigo de la kongresistoj estas zorgata. La gazetaro katolika de Eŭropo estas informata pri la ŝanĝo.**

**Do venu al Lugano, la juvelo da bela Svislando!**

**Novaj aliĝoj al la kongreso:** la nunjara kongreso trovas vere grandegan intereson. La „Osservatore Romano" en numero de 18ª Julio mem raportis detalege pri la programo kaj la raportistoj de la kongreso. El la granda nombro de la lastaj aliĝoj ni nur mencias kelkajn signifajn: Dro Montresor, Roma, Senatano, dro grafo Jacini, Milano, deputito; abato direktoro Vonpoorten, Bruxelles; Rev. T. Z. Parker, episkopa sekretario, Anglio; Fino Sylvia Grieveson, Anglio, abato Duplessis, Francio; parohestro Mrkun, Jugoslavio; redaktoro Kalem, Jugoslavio; dro Grüner, Ĉeĥoslovakio; dro Rejöd, Budapest; Sro Drzezga, Beuthen, Germanio; dro Doka, Svisio; dro Waldmann, dro Bauer, dro Weber, teol. prof., Bavario; Sro Mockenhaupt, Sro Havenith kun 30 geamikoj studentaj; Germanio; Sro Solzbacher, Germanio; Sro Herenaida, Belgio kaj tiel plu.

**Aliĝojn ĉiam ankoraŭ akceptas: Ika, Zug, Svisio.**

# Internacia Revuo.

**La kunlaborado de la laboristaro katolika:** La 19—21ª de julio okazas en Antwerpen, Belgio internacia konferenco de la katolikaj gvidantoj laboristaraj. El la interesega programo ni citas: raporto pri la situacio de la laboristaro laŭ katolika vidpunkto (R. P. Arnou, Francio, abato Colens, Belgio, Msro Poels, Nederlando, deputato Joos, Germanio). Plue oni diskutos la problemon de socialismo, la socialaj agadoj de laboristaj organizoj kaj fine la kreon de internacia oficejo de la katolikaj laboristaj unuiĝoj! Ke la belegaj laboroj plene sukcesu!

**Italio:** En Italio nun prepariĝas giganta batalo inter la diktatoreco de Mussolini kaj la demokrata ideo de la „partito popolare italiana". La batalo, kiun Don Sturzo kaj liaj amikoj gvidas nun, rememorigas la herotempojn de la katolika politiko. Se oni povus senkulpigi la perfortan uzurpadon de la diktatoro: al li tute mankas la „moderiĝo post la venko", kiu estas laŭ la teologoj sankta virto; kaj tio ne estas pardonebla!

**Francio:** La venko de la liberalaj kaj parte sendiaj maldekstruloj subite ekflamigis novan „kulturbatalon", kiu alvokas la francajn katolikojn al plej vigla defendo. Herriot anoncis i. a. la forigon de la ambasadoro ĉe la Vatikano, la severan aplikon de la „laika leĝaro" kaj la enkondukon de la laikaj leĝoj en la novajn provincojn de „Alsace-Lorraine". Ĝuste la lasta punkto kaŭzis furiozan proteston en ĉiuj katolikaj rondoj. Grandegaj demonstraciaj kunvenoj estas aranĝataj preskaŭ en ĉiuj urboj kaj komunumoj . . . Kompreneble la tuta liberala mondgazetaro silentas pri tio . . . kaj malfeliĉe ankaŭ plejparte la katolika. Kie estas la „mondkonscienco" katolika? . . .

**Japanio:** La ekzistado de la katolika universitato. Per la lasta tertremo ankaŭ la katolika universitato en Yokohama estas preskaŭ ruinata. Tio signifas grandegan perdon por la katolika estonteco en la oriento. Ĉar la japana popolo, kun alta civilizacio miljara nur povas esti gajnata por la katolikismo, se oni sukcesas entuziasmigi klerajn, influajn personojn por la eklezio. La universitato estas kreata laŭ speciala ordono de Papo Pio Xa en jaro 1907 per la altmeritinta jesuita ordeno. Post forigo de multegaj malhelpaĵoj la Universitato bone ekfloris; en jaro 1922 ĝi havis 160 studentojn kaj 6 eŭropajn profesorojn, subtenatajn per 20 japanaj laikoj. La universitato en Yokahama havas vere internacian signifon kaj meritas la subtenon de la tutmonda katolikaro.

**Svislo.** Internacia universitato en Fribourg malfeliĉe estas tro malmulte konata en la mondo. Ĝi estas vere internacia universitato, kaj fruktega centro de la katolika scienco kaj finance subtenata per la katolika kantono de Fribourg, kiu (havante eble 300 000 katolikojn) paĝis lastjare sumon de 1 miliono da sv. frankoj. Interesega estas, ke ĉiuj prelegoj de la universitato senescepte estas gvidataj paralele en franca kaj germana lingvo, tiel ke ĉi tie kiel nenie en la mondo realiĝas fruktega kunlaborado de la germana analisa kaj la franca sinteza genio. Al la ĝisnunaj fakultatoj oni volas aldoni nun la medicinan. Dezirindege estus, ke la katolikaj studentoj ĉiulandaj almenaŭ por unu aŭ du semestroj vizitus la universitaton por tie konatiĝi kun vere interesega internacia kulturcentro.

La 9—12an de Aŭgusto okazas la nacia katolika kongreso en Basel (Bâle), kie ankaŭ Ika estos oficiale reprezentata per Msro dro Nik. Pfeiffer, Košice.

Kiel praktikan rezulton de la iniciatoj ĉe la Ika-kongresoj pasintaj la gazetara unuiĝo ĉijare festis je 29ª de junio la internacian gazetaran feston, arangante kun aprobo de la eklezia aŭtoritatoj predikojn en ĉiuj eklezioj por la bona gazetaro. La revuisto.

# Rimarko

Pro la specialaj aŭstraj leĝoj estas necesa, ke aŭstra ŝtatano subsignu kiel responda redaktoro. Ĝis kiam ni trovos alian solvon, do provizore subsignos Sr. Killer el Graz. Kompreneble tiu laŭleĝe necesa subsigno ne ŝanĝas la gvidadon kaj redaktorecon de K. M.

Kasparo Mayr,
Ĉefsekretario de Ika, Zug

## Pri la reformo de la kalendaro

(Daŭrigota)

Se oni plendas, ĉar la sama dato ne korespondas ordinare kun la sama semajnotago, kaj se kelkaj festotagoj falas jen dimanĉe, jen lunde Se de tempo al tempo okazas superjaro, tamen la reguloj por trovi daton kaj semajnotagon ne estas tro komplikaj, kaj ĉiu jaro malmulte diferenciĝas de la antaŭa aŭ de la sekvonta. Sed se pro amo aliformigi oni plimallongigas kelkajn jarojn de 1 tago, kaj poste oni plilongigas alian de 7 tagoj, kun la rezultato ke tia plia semajno devas trovi placon en unu monato, kiu rezultos ja same 7 tagojn pli longa ol la aliaj, kiu povas kredi ke tio estas plibonigo anstataŭ malutilo? La komerco pli ol ĉio sentas la necesecon de reguligo de la kalendaro, sed la komerco estos la unua sendube, kiu malakceptos tiun proponitan reformon, ĉar per ĝi oni devos tro diversamaniere pritrakti la kalkulojn por la pagoj de la laboristoj, por la tempopago de la kalkuloj, por la kalkulado de la procentaĵoj, por la statistikoj ĉiuspecaj, kaj por la komparoj inter la en- kaj el-spezoj de unu monato kaj de la aliaj, kaj enfine pro mil aliaj kaŭzoj.

Sendube la perfektecon oni ne povos atingi en tiu materio, ĉar ne estas home modifi la teran iradon ĉirkaŭ la suno, kaj oni devas kontentiĝi je proksimuma reguligo. Sed kiel mi montris, la malutilojn ne devas superi la utilon. (daŭrigota.)

## El la katolika movado

Konstanta rubriko por mallongaj komunikoj senkostaj (ĝis 8 linioj) de la Ika- kaj katolika E° movado.

**Aŭstralio. Melbourne: Fino Maud Helm estas devigata pro malsano forlasi sian oficon kiel sekretariino de la tiea grupo. Fino Helm meritas la eternan dankon de la Ika-anaro. Ŝi enplantis kun grandaj oferoj la Ika-movadon en Aŭstralion kaj kunhelpis al la fondo de Ika-branĉo en Sydney. Fino Cox ŝin posteulas kiel sekretariino.**

**Nova grupo kreiĝis en Abbotsford, antaŭurbo de Melbourne, la fondintino estas fino Kate Payne! — Saluton al ĉiuj aŭstralaj Ika-anoj!**

**Usono. Pro troa okupado nia meritinta delegito Sro. Vidikowski rezignis je sia posteno. Bonvole akceptis la delegitecon kaj abonejon Sro Kovarik, en Chicago multjara kunlaboranto agada. Dankegon al la eksiĝanta pioniro!**

**Francio. Parizo: Laŭ iniciato de meritplena kunlaboranto abato Gerald Ramboux kreiĝis nova grupo de IKUE en Parizo, kies sekretario estas elektata abato Gerald Ramboux, 5 rue Bayard Paris. La grupo laboras en plena amikeco kun Ika. Post reviviĝo de la Paris-a grupo, kiu dekomence konservis la belan standarton de IKUE, la Ika-oficejo, posedanta ĝin depost la konferencoj de Graz 1921, redonis la standardon al la novnaskiĝinta rondo. Ke ĉi tiu paca kunagado estu komenco de nova spirito en la tuta Esperantistaro tutmonda. K. M.**

### Estu laudataj!

**Kanoniko Msro. Nik. Pfeiffer, kiu plurfoje donacis aŭ kolektis grandajn monsumojn (200 sfr. 1000 kaj 500 č. Kr.) por presaĵoj de Ika.**

**Sro J. Mollenhauer, Germanio kiu per riĉa donaco helpis multe dum la lastempaj malfacilaĵoj.**

**Kaplano Wachowski, Germanio, kiu gajnis 20 novajn abonintojn!**

**R. P. G. Ramboux, Francio kiu nin helpis, suksese en multaj aferoj.**

**Sro Eugen Kappeler, Kreuzlingen, Svislando, kiu por subteno de la Ika pomate donacas 5 sv. fr, Vivu imitontaj!**

**Por traduko kaj korektado de Imitado de Kristo plej bone meritis: Prof. Mariano Mojado, Madrid; prof. dro Christanell, Salzburg; prof. Meazzini, Italio; paroĥestro Maddlener, Bavario. Ke la belega libro baldaŭe eliru!**

**Sro Prof. Pizzi, Venizo, kiu en oferemega maniero gvidis la preparojn de la kongreso. Lia senegoisto, energia agado estis vere modela por ĉiuj niaj kunlaborantoj.**



| Lando | Jarabono kun R. K. | Ika-kotizo sen K. M. | Ika-kotizo kun K. M. |
|---|---|---|---|
| Anglio . . . . / Aŭstralio . . . | } 8 ŝl. | 2 ŝl. | 4 ŝl. |
| Argentino . . | 2 pes. or. | 2 pes. or. | 3 pes. or. |
| Aŭstrio . . . . | 16.000 kr. | 16.000 kr. | 28.000 kr. |
| Belgio . . . . / Luksemburgo . | } 8 b. fr. | 5 b. fr. | 10 b. fr. |
| Brazilio . . . | 3 mr. | 2 mr. | 4 mr. |
| Ĉeĥoslovakio . | 12 č. kr. | 10 č. kr. | 16 č. kr. |
| Danio . . . . | 3 kr. | 2 kr. | 4 kr. |
| Francio . . . | 6 fr. fr. | 5 fr. fr. | 10 fr. fr. |
| Germanio . . | 1·20 o. m. | 1·20 o. m. | 2 o. m. |
| Hispanio . . . | 3 pes. | 3 pes. | 5 pes. |
| Hungario . . . | 1·20 o. kr. | 1·20 o. kr. | 2 o. kr. |
| Italio . . . . . | 6 l. | 6 l. | 10. l. |
| Jugoslavio . . | 25 din. | 20 din. | 36 din. |
| Litovio . . . . | 4 lid. | 4 lid. | 6 lid. |
| Nederlando . . | 1·50 fl. | 1·50 fl. | 2 fl. |
| Polio . . . . . | 1·20 zl. | 1·20 zl. | 2 zl. |
| Rumanio . . . | 40 lev. | 30 lev. | 50 lev. |
| Svisio . . . . | 3 fr. | 2 fr. | 4 fr. |
| Usono . . . . | —·75 d | —·50 d | 1 d. |

Rimarko. En landoj, kie ne ekzistas ankoraŭ nova ora monbileto (Hungario, Polio ktp.) oni sendu monbiletojn kurantajn laŭ la taga kurzo. Por landoj, kies monvaloroj malplialtiĝos, ni devas plialtigi pli poste la prezojn.



Posedanto kaj Eldonisto: „Ika“, Zug, Svisio. — Responda Redaktoro: H. Killer, Graz, Aŭstrio — Presejo: Paŭlus-Presistejo, Graz, Karmeliterplatz 5.